世界语 AE237

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 01/10/2015 Ducenttrideksepa eldono 01/10/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale



SENDATA AL 315 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon ABC nova

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## EL ĈINIO 中国武汉 Roĝer vizitas Ĉinion ĝis 29a Novembro 2015

Karaj Legantoj! Ŝajne feriis ankaŭ mian cerbon kaj mi elsendis AE236 montrante la malĝustan numeron.

Bonestu ŝanĝi en la A.E.-numero 236, la ĵus pasinta, la jenojn:

1) Sur la unua paĝo de n.ro 236 la nombron "235" al la nombro "236".

2) Sur la aliaj paĝoj la vorton "ducenttridekkvina" al la vorto "ducenttrideksesa".

Kun pardonpeto, Roger.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Sendu respondojn ktp al mi, rspring@tpg.com.au Ne al mia filo Wayne, kiu antaŭen sendas al 315 AE-ojn semajne dum mia vizito al Ĉinujo

**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



Estas pli ol 144,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 90. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Prepozicio aŭ Akuzativo? A.

Laŭ Zamenhof: 1). La direkto estas per la prepozicio “al”.

2). La direkto estas per la akuzativo “-n”.

Do ĉu la akuzativo egalas al "al"? Ne, kvankam la direkto esprimiĝas ĉiam per "al" aŭ per "-n", kaj kvankam la prepozicio "al" ĉiam indikas direkton, tamen la akuzativo "-n" ne ĉiam signifas direkton.

Ree laŭ Zamenhof: 1). La akuzativo estas AŬ direkto AŬ gramatika Objekto AŬ anstataŭ "je", kiuj tri estas malsamaj signifoj.

2). "Je" estas vagsignifa prepozicio, anstataŭebla per aliaj prepozicioj.

Do la "-n" povas signifi ĉiun ajn prepozicion. Ĉu vere? Teorie jes, sed praktike ne: legu pri la praktikaj "ne-oj" sekvontnumere. Marcel Leereveld.

Kara Roger !

Koran dankon pro alia bonega "Aŭstraliaj Esperantistoj" provlegita de Franciska Toubale !

Plej amike, Bob Felby

## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo



La **GASTDORMEJO** devas antaŭmendati de estontaj Esperantistaj gastoj.

Sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al: janowylles15@gmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;

Kam Lee kaj May O'Halloran venos la 29an de Oktobro ĝis la 4a de Novembro.

Lyudmila (KELLOWAY) alvenos la 09-an kaj foriros la 15-an de Decembro 2015.



## La Adelajda Esperanto-klubo.

Dimanĉe, la 27-an de septembro, okazis en la hejmo de Trevor kaj Katja kvizo. Ĝia preparinto estis laŭtradicie Trevor. Li kontentis, ke almenaŭ la duonon de la demandoj ĉiu respondis ĝuste.





Kun amikaj salutoj, Katja Steele

# Sandor sendas fotoj

Sandor antaŭ la domo de Gabor Markus en Budapesto.

*Gabor partoprenis nian somerkursaron en Kanbero en januaro 2014.*



Marika kaj Gabor bonvenigas esperantistojn el la mondo.
Ili rajtas viziti ilin kaj resti en ilia domo senpage.



Jen ekzemplo de la granda gastameco de Gabor:
Grupo de Koreaj studentoj, kiujn Gabor SAMTEMPE gastigis.

Sandor pasigis tri tagojn en Budapeŝto kaj sukcesis renkonti kelkajn estraranojn de la HEA (Hungara Esperanto Asocio).







NANOVFSZKY György, Sandor, MOLNÁR Lajos, FARKAS Julianna, LINDWURM Edit, NAGY Janos
Ni bone babilis kaj interŝanĝis informojn kaj ideojn pri niaj asocioj.



# 3ZZZ Retradio Melburno

En la lasta elsendo de la radio 3ZZZ tiu, de la 28a de septembro, estas intervjuo de Matthew Englezos. Li estas melburnano, kiu vizitis la studion. Li ĵus finis siajn universitatajn studojn aparte pri lingvoj.
Estas interesa artikolo de Grabhan Macaiodh pri la lingvo Manksa kaj de Murata Kazuyo pri legado por blinduloj. Sendis Franciska

## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 | 224 | 225 | 226 | 227 | 228 | 229 | 230 | 231 | 232 | 233 | 234 | 235 | 236 | 237 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | ■ | | ■ | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | ■ | | ■ | | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | | | ■ | | | | | | ■ | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | ■ | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | | ■ | ■ | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | | | | | | | ■ | | ■ |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas



La tuta familo de mia edzino plus mia filo Gary kaj sia amikino Heidi kaj mi

# Bonveniga tagmango ĉe Wuhana restoracio

Ĉiuj de la bofiloj de tiu familio plus mia filo Gary



# PARDONU MIAJN BLANKETAJN DENTOJN!



La internaciaj dentpastokompanioj faras tiom da menspolucia (brainwashing) reklamo, ke mi vidis eĉ la malriĉulojn, almenaŭ la infanojn, en aziaj landoj brosi siajn sanajn dentojn per dentpasto kaj samtempe per malpura akvo de la urbaj kanaloj en kiuj ili staras dum la dentbrosado. Sed ĉu estas utila kaj necesa uzi dentpaston? En Nederlando tuj post la dua mondmilito mi vizitadis dentiston, kiu certigis min ke testoj montris, ke dentpasto ne utilas kaj eĉ povas malutili pro forfrotado de protekta tavolo. Li diris ke la sciencistoj, kiuj faris la testojn, ne povas publikigi la rezultojn pro tio ke la potencaj kompanioj minacis tiri ilin al kortumo por malebligi la publikigadon.



Antaŭ ol aŭdi pri tio mi, kiel infano, neniam purigis, ĝis aĝo de dek-du, miajn dentojn, kaj certe ne per broso aŭ pasto. Miaj gepatroj ne uzis ilin, kaj ne konsilis al mi kaj al mia fratino uzi ilin. Dum tiu tempo mi neniam bezonis iri al dentisto, ĉar miaj dentoj estis en sana stato, kvankam ne brile blankaj. Sed je la aĝo de dek-du jaroj mi komencis interesiĝi pri knabinoj, kaj por aspekti altirema komencis uzi KAJ broson KAJ paston. Tio cetere ne helpis, ĉar mi nature estis timema.



Post kelkaj jaroj komenciĝis la dentproblemoj, en la komenco precipe truetoj. Tiuj problemoj, kaj mia uzado de broso kaj pasto, daŭris dum pli ol duona jarcento, kaj dum tiu periodo mi pliriĉigis plurajn dentistojn en Nederlando kaj poste en Aŭstralio per dekmiloj da dolaroj.

Unu tagon en la malfruaj okdekaj jaroj de la antaŭa jarcento, malantaŭ mia loĝejo en Belgrave, Viktorio, mi zorge kaj ekzamene rigardis la dentojn de mia ĵus mortinta maljuna ĉevalo. Ili estis brunaj, sed ĉiuj estis tie, kaj tre sanaj, malgraŭ pli ol tridek jaroj da forta maĉado. Liaj dentoj ne bezonis prizorgadon de kuracistoj, kontraŭe al la miaj. Ĉu mi devis esti ĵaluza? Ne, sed mi tuj decidis fari kion li faris, nome ne plu uzi broson nek paston. Kaj la rezulto? Dum la lastaj tridek jaroj mi bezonis elspezi eĉ ne unu cendon por dentistaj kostoj, kaj plu ne brosas nek pastumas. Tiuj tridek jaroj ŝparis al mi milojn kaj milojn da dolaroj, kaj dolorojn, danke al mia revelacio per mia ĉevalo. Honoron al li! Mi bedaŭras por la dentistoj, sed al mi ne gravas la malriĉiĝo de la dentpastkompanioj (ne erare legu "dentpestkompanioj"!). Mi tamen purigas ĉe miaj dentoj, sed nur tie, kie gravas, nome inter la dentoj per bastoneto. .



Marcel Leereveld.







☹



☺